# Pola Esperantisto

## Esperantysta Polski

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE
MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ

REDAKTORZY REDAKTANTOJ PROF. DR. ODO BUJWID — TAD. HODAKOWSKI

XXVII JARO NR. 12. | Redakcio kaj Administracio KRAKÓW, LUBICZ 34. Abonprezoj ktp. vidu ĉe fino de l' tekstoparto. | DECEMBRO 1933.

# U. E. A. kaj P. E. D.

Nia movado eniris per la „Interkonsento de Kolonjo" novan vojon de sia disvolviĝo. Tio estas fakto, kiun neniu neas kaj kun kiu ĉiu ligas multajn esperojn. La opinioj diferencas nur en la antaŭvidado, ĉu la elektita vojo kondukos al esperita celo, ĉu ĝi ne kaŭzos malplibonigon de la nuna stato. En tiu ĉi artikolo mi ne okupiĝos pri profetaĵoj, kiuj neniam estas ĝustaj, ĉar ili dependas de multaj cirkonstancoj, kiujn ni nur parte povas influi. Ni ne forgesu, ke de ni ĉefe dependas la sukceso! Ĉiu regularo estas bona, se oni scipovas uzi ĝin celkonscie kaj energie oni movigos ĉiujn klavojn de tiu ĉi instrumento.

Mi volas prezenti al polaj samideanoj ŝanĝojn faritajn en nia centra organizaĵo per la nomita „Interkonsento" kaj influon, kiun ili devas kaŭzi en nia enlanda movado. Historio de la tuta afero antaŭiranta la finan decidon en Kolonjo estas al ĉiuj konata, do ni supozas superflua prezenti ĝin ankoraŭfoje kaj mi transiras senpere al la temo.

La nova organizaĵo estas nomata Universala Esperanto-Asocio (U. E. A.) kaj estas organizita en la kadroj de la ĝisnuna U. E. A. per ŝanĝo de kelkaj paragrafoj en ĝia statutaro. Estas certa avantaĝo, ke la nova organizaĵo estas bazita sur la jam ekzistanta, kio simpligas organizan laboron kaj ŝparas tempon kaj fortojn necesajn por ekpuŝi la laboron. Laŭ punkto 1. U. E. A. reprezentas la Esperanto-movadon kaj organizas la universalajn kongresojn — tiamaniere estiĝas unueciĝo de nia movado, kiu estis reprezentata ĝis nun per du centraj organizaĵoj. Punkto 2. difinas, ke povas esti aligitaj membroj nur de tiuj landaj societoj, kiuj posedas organizitan formon kaj havas minimume 100 membrojn. Membroj de la landaj societoj — laŭ punkto 3. — pagas jarkotizon de sfrs 0.50 (membro simpla), ili ricevas internacian membrokarton kaj rajtas uzi servojn de la delegitoj. Se iu deziras ricevi jarlibron kaj ankaŭ gazeton de U. E. A., li devas alpagi iun ĝis nun nedifinitan sumon (membro aktiva). Tiu ĉi punkto estas tre grava por ni, ĉar ĝi kaŭzas ŝanĝon en nia

ĝisnuna labormaniero. El la esprimo „la membroj ricevas internacian membrokarton“ oni povas supozi, ke P. E. D. devas prezenti al U. E. A. laŭnoman liston de la membroj kaj ne kiel ĝis nun nur rondan ciferon da ili. Kiel sekvo ankaŭ lokaj grupoj estos devigataj sendadi laŭnomajn listojn de siaj membroj al P. E. D. Estas evidente, ke tio kaŭzos multan laboron al grupoj kaj P. E. D. Plue tiu ĉi punkto alportos ankaŭ ŝanĝon en la ĝisnuna pagmaniero al P. E. D. Ĝis nun la grupoj pagis monate por ĉiu membro al P. E. D., do nombro da membroj ĉiumonate estis alia. Nun tia procedo ne estos ebla. La grupoj devos nun sciigi nomojn de siaj membroj kaj pagi por ili jarkotizon. Eventualaj ŝanĝoj t. e. kompletigoj de la listoj estos eblaj en daŭro de la jaro, sed kondiĉe, ke samtempe estos pagata jarkotizo. La ĝisnuna pagmaniero al P. E. D. ne estos ebla, ĉar aliokaze montriĝos manko en ĝia kaso kaj estas konata afero, ke P. E. D. ne disponas per necesaj monsumoj.

La ĝisnuna kotizo jara al P. E. D. estis zł. 0.60. Kotizo al U. E. A. estos nun zł. 0.90. Por eviti deficiton estis necesa plialtigo de la kotizo al P. E. D., kio okazis dum nunjara Konferenco en Warszawa, kie la kotizo estis fiksata je zł. 1.20 jare por ĉiu membro. Tiamaniere restos al P. E. D. por kovro de aliaj elspezoj zł. 0.30 jare por ĉiu membro. Ĉu tiu ĉi sumo sufiĉos, montros la estonteco?! Financa kaj morala forto de P. E. D., dependas de nombro de la membroj.

Membroj, kiuj ne apartenas al la landa asocio, devos — laŭ punkto 4. — pagi jarkotizon 50% pli multe ol cititaj en la 3-a punkto. Tiu ĉi punkto estas ankaŭ tre grava por nia enlanda movado. Ĝis nun multaj grupoj restas ankoraŭ ekster P. E. D. kaj aliflanke P. E. D. ne antaŭvidas en sia regularo apartenon de individuoj al ĝi. Estos do tasko de P. E. D. kunigi ĉiujn grupojn en la landa asocio por ebligi al iliaj membroj apartenon al U. E. A. kaj aliflanke ebligi la samon al izoluloj, kiuj aŭ devos aliĝi al plej proksima loka grupo aŭ al P. E. D. En la lasta okazo P. E. D. devos ŝanĝi sian statuton por ebligi tion al izoluloj. La punkto 4. antaŭvidas por la ĝisnunaj membroj de U. E. A. ne apartenantaj al la landa asocio aliĝon laŭ la ĝisnunaj kondiĉoj ĝis fino de 1936.

Punktoj 5. kaj 6. transdonas al la landaj asocioj administradon de la membroj en iliaj landoj kaj rajtigas ilin nomi ĉefdelegiton interkonsente kun U. E. A. kaj delegitojn interkonsente kun la ĉefdelegito.

Landaj asocioj kun minimume 200 ĝis 1000 membroj elektas — laŭ punkto 7. — unu komitatanon kaj plian por ĉiu komencita milo da membroj. En landoj, kie ne ekzistas asocio aŭ kies asocio ne aligis siajn membrojn al U. E. A., elektas unu komitatanon delegitoj por ĉiu kvincento da membroj. Fine ambaŭ cititaj specoj de komitatanoj elektas komitatanojn ĝis la triono de sia nombro kaj ĉiuj kune formas Internacian Komitaton de U. E. A. — plej altan decidopovan instancon de la organizaĵo. „Konsilantaro de la Esperanto-Movado“, pri kiu estas parolo en punkto 9, kaj kiu konsistas el komitatanoj, ĉefdelegitoj, honoraj kaj dumvivaj membroj, patronoj ktp. rajtas nur priparoladi ĉiujn aferojn, sed ĝia decidpovo limiĝas nur al deziresprimoj transdonataj al la Komitato de U. E. A.

Punkto 10. decidas likvidon de I. C. K., K. R. kaj U. F. E. kaj transdonas ilian havaĵon al la nova organizaĵo.

Lastaj tri punktoj parolas pri farotaj ŝanĝoj en la regularo de U. E. A. kaj dato, ĝis kiu tio devas okazi. La nova organizo devas ekfunkcii la 1-an de novembro kj.

Tiel aspektas koncize reorganizo de la centra organizaĵo.

Nin interesas ĉefe la demando, kian influon havos la reorganizo sur nian enlandan movadon. P. E. D. — regularo, kiel vidiĝas el la dirita, devas esti nepre ŝanĝita, ke ĝi respondu al postuloj de la nova organiza formo. Ankoraŭ unu momento necesigas regularŝanĝon. Ĝi estas de formala naturo, sed tre grava, ĉar de ĝi dependas la leĝa ekzisto de nia organizaĵo. La regularo de P. E. D. devas esti adaptita al postuloj de la nova leĝo pri asocioj. Sen tiuj ŝanĝoj P. E. D. ne povas esti traktata kiel jura persono kaj tial ne estas kapabla entrepreni jurajn agadojn, kiel jam montriĝis plurfoje.

La laboroj celantaj adapton de la regularo al la menciitaj supre postuloj jam estas komencitaj kaj estos prezentitaj al decido de la pola samideanaro. Ke ĝi konscios neceson de tiuj ĉi ŝanĝoj, ne ekzistas dubo! Ĉu la ŝanĝoj, alportos plibonigon de la stato en nia lando, tio dependas, kiel mi jam diris, ne de la regularo, sed de la labormaniero kaj forto de P. E. D. Por tiu ĉi lasta temo estas necesa speciala artikolo. **Alf.**

EUGEN ELI.

## „POLA ESPERANTA PRESSERVO".

En februara numero de „Pola Esperantisto" mi prezentis la neceson organizi Polan Esperantan Presservon. Mi montris la fruktedonan laboron de svedaj samideanoj, kaj mi proponis, ke P. E. D. prenu sur siajn ŝultrojn la supre menciitan laboron.

En la sama numero P. E. D. respondis, ke oni jam siatempe faris komencon: kiome oni eldonadis „Pomocniczy Język Światowy", kies artikoloj estis represotaj en nacilingvajn jurnalojn, sed kiu bedaŭrinde pro la „vigla" subteno flanke de esperantistoj — ĉesis aperadi.

Tamen jam en sekvanta (marta) numero de P. E. ni tralegis alvokon, kies gravegan enhavon ilustras jena ĝia frazo:

„La de ĉiuj Esperantistoj de Pollando delonge revata kaj atendata „Pola Esperantista Presservo" — fariĝis fakto!" Tiun presservon aranĝis „Pola Esperanta Asocio" en Warszawa. En la sama „Alvoko" estis ankaŭ anoncite, ke „detalaj raportoj pri la agado de Pola Esperanta Presservo sekvos ĉiumonate en Pola Esperantisto".

Kiel esperdone aspektis tiu „Alvoko"! Bedaŭrinde — ĝi aperis nur kiel meteoro. Vane oni serĉus en Pola Esperantisto menciitajn raportojn. — Bedaŭrinde — „ekestis silento".

Kaj vere tiu „Pola Esperanta Presservo" komencis sian laboron tute bone, almenaŭ laŭ la teknika vidpunkto. Plimultigataj maŝine, la komunikoj en bulteno aspektis kiel tiuj de PAT ĉu alia gazetara agentejo. Tia formo estas plej bona koncerne al gazetara inform-servo. Ĝi tute certe superas la alsendadon al redakcioj de la nacilingva priesperanta gazeto, ĉar estas evidente, ke en redaktejoj, kien alvenas centoj da ĵurnaloj tage, certe neniu havas tempon ian „Pomocniczy Język Światowy" ĉu nunan „Esperanto dla wszystkich" legi kaj maŝine plimultigitan bultenon oni povas sen transkribado doni senpere al presado.

Kiam tamen la formo de tiu bulteno estis kontentiga, la enhavo estis kritikinda. La artikoloj estis longaj, kelkfoje ne aktualaj kaj por la ne esperantista publiko ne interesaj. Longajn artikolojn la gazetoj ne volas presi. Kaj eĉ se temas pri efiko, malgranda, aktuala, bone redaktita komuniko estas pli grava ol teniaj, teoriaj artikoloj.

Ankaŭ la rekta alsendado al redakcioj ne ĉiam estas fruktedona. Ekzemple el tiu bulteno eĉ unu artikolon neniu Krakova ĵurnalo represis. Se tamen P. E. Presservo alsendus bultenojn por Krakovaj ĵurnaloj al „Societo Esperan-

to", ni povus ilin profiti: estante en tre bona interrilato kun ĉiuj Krakovaj ĵurnaloj, ni povus facile ĉiujn ilin presigi.

Sed ĉiuj mankoj estis forigeblaj. Bedaŭrinde — P. E. Presservo dissendis entute (kiel estas al mi sciate) nur du bultenojn, kaj — fino. Jam letero oferanta helpon de nia flanko restis sen respondo.

Laste oni povis trovi en kelkaj eksterlandaj gazetoj anoncojn de la novkreita P. E. Presservo", serĉanta seriozajn korespondantojn, kies korespondajoj „estos presotaj en la pollanda ĝenerala aŭ faka gazetaro kun la noto („ricevita per Esperanto")". — Ĉu tio eble signifas revivigon? Mi volonte kredus.

Postrestas demando: ĉu P. E. Presservo ekzistas ankoraŭ, ĉu ĝi malaperis? Ĉiuokaze ni ŝatus esti informitaj pri la situacio. Eble tamen ni reprenos tiun ideon kaj trovos laborantojn, kiuj konsentos helpi sur tiu tre grava posteno, kiu sendube estas gazetara informservo.

# REZOLUCIO POR VERE INTERNACIA ESPERANTO.

**21-a Japana Esperanto Kongreso** okazinta en KIOTO, la 3-an de novembro 1933 — unuanime akceptis jenan rezolucion:

„La 21-a Japana Esperanto Kongreso atentigas pri la reformemo kaj troa neologismemo de „modernaj" Esperantistoj, kiuj konstante malfaciligas nian Internacian Lingvon. Tro ofte oni ne atentas nin orientanojn ĉe la enkonduko de „internaciaj vortoj", kiuj ne estas komprenataj en la oriento, same kiel en multaj eŭropaj landoj.

Nia majstro Zamenhof neniam parolis pri Esperanto kiel „la eŭropa lingvo", sed ĉiam kiel la lingvo de l' tuta Homaro". La japana Esperantistaro konstatas, ke se la opinio pri Esperanto kiel „la eŭropa lingvo" estus alprenata de la plimulto de niaj eŭropaj samideanoj, la disvastiĝo de nia lingvo en la Oriento estus grave endanĝerigata.

Konsiderante tiun ĉi aferstaton, la 21a Japana Esperanto Kongreso deklaras, ke

1. La vortfarado per afiksoj kaj kunmetado estas unu el la esencaj karakterizoj de Esperanto; ĝi estas grava plifaciligo de la lernado;

2. La esenco de la lingvo mem kuŝas en ĝia manifestado, kiu realiĝas ĉefe per la literaturo; konsekvence, fako speciale nomata „literatura", en Esperanto ne povas ekzisti kaj oni ne povas formi ian fakan vortaron literaturan, kiel ekz., maŝinfakan, medicinan, aŭ alian terminaron. Tion ĉi ni asertas spite al la sofismoj de anoj de la tielnomata „literatura fako".

3. Neologismoj pro bezono de poemfabrikado estas nenio alia ol la degenerado de la arto poezia; plie, en Esperanto ĝi signifas rekte danĝeran ludon kontraŭ la Fundamento.

Konsiderante, ke ni, ekstrem-orientanoj, povas fari pli objektivan juĝon pri la internacieco ol la europanoj kies lingvoj estas tro proksimaj al Esperanto kaj gardi severan senpartiecon kaj neŭtralecon, ni, kunvenintaj en la Laborkunsido de la 21-a Japana Esperanto Kongreso en KIOTO, energie malrekomendas, pro la bono de nia lingvo, la uzon de neologismoj sen nuanca diferenco aŭ kun perforta nuancigo.

Ni vokas al niaj samideanoj en la Okcidento: la epoko de eŭropa aŭ ali-kontinenta idea imperialismo jam definitive pasis. Vivu la tuthomara solidareco kaj la inter-kontinenta lingvo Esperanto! Vivu ankaŭ la egaleco de rajtoj de ĉiuj popoloj ankaŭ sur la lingva kampo internacia!"

## AKADEMIO KAJ LINGVA KOMITATO.

De post la morto de la bedaŭrata Prof. CART, (Prez. de la Akademio **(21. Majo 1931)** sin sekvis, rilate al niaj Lingvaj Institucioj, la jenaj okazintajoj:

**4. Aŭg. 1931.** — Elekto de S-ro J. M. WARDEN, kiel Prezidanto de la Akademio, per 10 voĉoj el 14.

**Julio 1932.** — Okazis balotoj: 1) Por anstataŭigo de 3 Akademionoj (CART, mortinta, Dro DIETTERLE, vicprezidanto, kaj MILLIDGE, ambaŭ eksiĝintaj); 2) Reelekto de la L. K.-anoj, kies 9-jara periodo finiĝis kaj sin reprezentantaj; 3) Elekto de novaj membroj.

Tiama nombro da restantaj L. K.-anoj: 122.
Voĉdonintoj: 101.
Absoluta plimulto: 51.

**ELEKTITAJ AKADEMIANOJ:** S-roj AYMONIER (77 voĉojn) kaj BUTLER (58).

Ricevis siaflanke: S-roj DREZEN (48 v.), WARINGHIEN (47), Paul BENNEMANN (34), Oscar BüNEMANN (19).

**REELEKTITAJ AŬ ELEKTITAJ L. K.-ANOJ:** (Steleto montras novan membron).

| | voĉ. | | voĉ. |
|---|---|---|---|
| S-oj AYMONIER | 96 | * DOMINGUES | 85 |
| ROLLET DE L' ISLE | 95 | * CSEH (ĈE) | 84 |
| WON KENN | 93 | CHAVET | 82 |
| D-ro L. ZAMENHOF | 92 | F-ino * JANE BAIRD | 82 |
| * SEVAK | 92 | S-oj * BUGGE PAULSEN | 82 |
| * JIRKOV | 90 | * BONNEVIE | 81 |
| * ORENGO | 90 | * WADHAM | 81 |
| S-oj * OSCAR VAN SCHOOR | 90 | * COUTEAUX | 80 |
| * JANSSON | 89 | * PORTO CARREIRO NETO | 76 |
| * MIHALSKI | 87 | * ERNEST ARCHDEACON | 75 |
| BLICHER | 85 | | |

Dum la Kongresa Kunsido en Parizo **(1. Aŭg. 1932)** oni sciiĝis pri la decidoj:

1e) de S-ro WARDEN, rezigni prezidantecon kaj ĉiujn postenojn en la L. K. kaj Akademio pro grave malbona sanstato; (li estis bedaŭrinde mortonta post kelkaj monatoj **(Marto 1933)**.

2e) de s-ro BUTLER, malakcepti Akademianan postenon.

Tial fariĝis denove necesa balotado por elekto de 3 Akademianoj. Jen ĝia rezultato **(Majo 1933):**

| | |
|---|---|
| Nuna nombro de L. K.-anoj | 134 |
| Ricevitaj voĉdoniloj | 103 |
| Ne montranta opinion | 1 |
| Valorantaj voĉdonoj | 102 |
| Absoluta plimulto | 52 |

**ELEKTITAJ AKADEMIANOJ:** S-oj ROLLET DE L' ISLE (68 voĉojn), kaj Paul BENNEMANN (55 v.).

Ricevis siaflanke: S-roj KALOCSAY (49 v.), CSEH (47), BASTIEN (40), WARINGHIEN (33), DöHLER (10). Restos provizore vakanta la posteno de S-ro WARDEN.

Tuj poste **(Junio 1933)** okazis konsulto de la 17 Akademianoj por kandidatecoj al la oficoj de Prezidanto kaj de du Vicprezidantoj, el kiu rezultis, ke estis montritaj de la plimulto kiel kandidatoj: al prezidanteco, S-ro ROLLET DE L' ISLE (7 voĉ.); al vicprezidantecoj, S-roj MIGLIORINI (10 voĉ.), kaj NYLEN (9 v.).

Definitive, per posta akcepto, estis elektitaj: Prezidanto de la Akademio, S-ro ROLLET DE L'ISLE (13 voĉ.); Vicprezidantoj, S-roj MIGLIORINI kaj NYLEN (14 v.). 1 ne aprobis, 2 sin detenis.

S-ro ROLLET DE L' ISLE enoficiĝis la **1. de Julio.**

Aldonote estas, ke stariĝis kaj publikiĝis la kutima **Jarlibro de la L. K. kaj de ĝia Akademio** por la periodo 1932—1933. Ĝi estas aĉetebla ĉe la »Esperantista Centra Librejo« (11, Rue de Sevres — Paris — 6e).

# Ho, vi diableto!

Estis glacimalvarma decembro, la 5-a posttagmeze je la 4-a horo.

Tra la neĝplenaj stratoj paŝadis malgranda knabineto, brunhara, brunokula, pupvizaĝa etulino, tenita de akompananta gracila, elegante vestita sinjorino.

Jen alproksimiĝis **„krampusa“** vespero.

Enigmoplene briletis miloj da elektraj lampoj, miloj da donacoj en la elmon-

traj fenestroj, jen dolĉa ĉokolado, jen ripozis orbrila skatoleto plena de frandaĵo sur ruĝa papero.

Sopirantaj infanaj okuloj rigardis la feinan miraklon kaj ruĝa buŝeto petis: „Al iom da belaj, sorĉobrilaj, dolĉaj donacoj, aĉetu ilin, panjo mia, aĉetu ilin".

La voĉo singultis, la etaj manoj karesadis la patrinon.

Antaŭ enlitiĝo, la eta, pupvizaĝa, brilokula knabineto, en longa nokta ĉemizo ŝteliris al fenestro. Jes, tie ripozis la ŝuo, unu sola, nigra ŝueto kaŝetadis sin en la fenestroangulo, atendis la... **„krampuson"**

**la nigran, petoleman diableton.**

La **ŝtrumpeto trikita,** en angulo de l' fenestro, sopiradis, revadis pri estontaj surprizoj.

**Ho, tiu ĉi diableto!**

Eta knabina koro trankviliĝu!

Baldaŭ venos **ĉokolado...,** venos **dolĉaj bombonoj...,** venos la **plenumo de viaj revoj.. la plenumo de viaj deziroj...**

Venu ci **nigra, petola, donacema, liberdona, ruĝlanga, kornokapa diableto,** svingu la skurĝon, bleku forte, skuu vian longan voston... elŝutu el via sako **tion, kion ni plenkreskintaj** homoj deziras: alportu al ni **ĝojon,**

**emon al vivo,**

**al homoj amon,**

plenumu niajn **sekretajn kordezirojn,** iĝu nin **sentokapablaj,** ĉesigu niajn amarajn larmojn... **ree brilu niaj okuloj hele kaj gaje.**

**Ho, ci petola, ĉarma „krampuseto".**

* * *

Rimarkigo de l' verkantino. (La 6-an de decembro oni festas en Wien la „Diablan tagon", nomita „Krampus" — tra la stratoj iras homoj kiel diabloj vestitaj, batante la infanojn „grandajn kaj malgrandajn", disdonante al la plej bonkonduktaj el la plej fidelaj, ploremuloj el korbo frandaĵojn.

En la nokto antaŭe, la infanoj metas ŝuon, ŝtrumpon en la fenestron, kiujn ili trovas venonttage plenigitaj). **Minuŝka Mantel.**

## HUNGARA LETERO.

Pola Studenta Esperantista Societo — Warszawa ricevis de Unuiĝo de Hungara Studenta Junularo jenan leteron pollingve:

**„M I D I"**

Stud. Landa kaj Eksterlanda Informa Oficejo

Ráday u. 33. Budapeŝto. IX. Hungarujo.

Budapeŝto, la 11-an de novembro 1933.

Okaze de la dekkvina Festo de Reviviĝo de Polujo, estu al ni permesate esprimi la plej varman ĝojsenton, kiu plenigas niajn korojn. De jarcentoj ĉiu vera hungara patrioto preĝis al Dio, ke Via lando floru kaj fariĝu potenca; kaj hodiaŭ, kiam plenumiĝis Viaj kaj niaj deziroj, denove en tiu ĉi solena momento ni dankas tutanime al Dio kaj petas Lin firmigi tiun ĉi bonsukceson. La sanktan ideon de pol-hungara frateco, kiu estas en ĉiu hungara koro indiferente al diversaj konvinkoj, nia oficejo MIDI deziras per ĉiama kaj zorga laboro flegi, sekve de kio ni persiste petas, ke pola junularo helpu al niaj penoj per ĉiuj siaj fortoj.

Vivu Polujo kaj ĝia tuta junularo!

**Gvidanto de Pola Sekcio de la Oficejo MIDI**

**Direktoro de la Oficejo MIDI.**

# POLA ANTOLOGIO.

Delonge pensis polaj samideanoj pri aperigo de tiu tre necesa verko, kiu ebligus al ĉiuj esperantistoj ekkoni nian riĉegan literaturon en zorge elektitaj fragmentoj. Post grandiozaj ĝis nun aperintaj antologioj, kiel la kataluna, belga, hungara kaj aliaj estis jam la plej urĝa tempo, por aperigi la polan. Manko de necesa mono estis la plej grava malhelpo. Nun venis propono de Literatura Mondo en Budapest, kiu volas eldoni la antologion, kiel unu el verkoj destinotaj por AELA-anoj en la j. 1935. Estas jam la financa bazo. Nun ni min turnas nin al ĉiuj verkemaj gesamideanoj kun peto pri kunlaboro laŭ mia direkto. Kapablaj

tradukantoj bonvolu turni sin al ni por ricevi koncernan materialon. Speciale dezirindaj estas tiuj, kiuj scipovas bone traduki poemojn, ĉar precipe ĉi tie ni sentas mankon. Vere valora helpo eble estos pagita. Cetere rimarkinda estos la honoro kunlabori en tiom monumenta verko, kia ni volas havi la Polan Antologion. Bonvolu anonci vin kiel eble plej rapide, por ke ni povu distribui la laboron. Ni fiksas la lastan daton: 15 de decembro. Ni atendas vin!

**Pollanda Esperanto - Delegitaro**
Kraków, Lubicz 34.

---

*Eino Leino.*

# Kanto pri feliĉo.

Al mia amiko Dro Lauri Ilmari Lappi dediĉas tiun-ĉi tradukaĵon el la finna originalo Halina Weinsteinówna.

Feliĉon se vi havas, kaŝu vin,
Trezoron se vi havas, kovru ĝin,
Feliĉa estu pro la feliĉeg'
Kaj riĉa estu nur pro la ĝojeg'.

Ne ŝatas feliĉ' rigardojn de l' hom'.
Kun ĝi do restu sola en la dom',
En densarbar'. Kunuloj estu for.
Silente ĝoju pro feliĉ', trezor'.

(El la kolekto „Kantoj de skianto" aper. 1900 j.)

---

## ESPERANTA RONDO ĈE POLA TURING-KLUBO EN VARSOVIO.

Sciigo ricevita pere de Pola Agentejo Telegrafa (PAT).

La 30-an de oktobro 1933 okazis en Varsovio la unua organiza kunsido de Esperanta Rondo ĉe Pola Turing-Klubo (str. Kredytowa 5).

Tasko de la Esperanta Rondo ĉe P. T. K. estos interalie: propagando de pola turismo eksterlande, eldonado de turismaj broŝuroj en Esperanta lingvo, publikigo de artikoloj pri turisma movado en Esperanta eksterlanda gazetaro ktp.

Ofichoroj de Esperanta Rondo ĉe P. T. K.: ĉiulunde de la 20—22 en ejo de P. T. K. (str. Kredytowa 5).

### PROTOKOLO

de la unua organiza kunsido de Esperanta Rondo ĉe Pola Turing-Klubo en Varsovio.

La 30-an de oktobro 1933 je horo 20.30 en ĉeesto de ges-oj Prezidanto de Centra Estraro de P. T. K. inĝ. Wiesław Modzelewski, Direktoro de Ĉefoficejo de P. T. K. Leon Wodzisławski, Vic-Starosto Mgr. Jan Trzópek, D-ro Wilhelm Róbin, Vic-Delegitino de U. E. A. Halina Weinsteinówna, Inĝ. Stanisław Woźniakowski, Mgr. Borys Strelczyk, Juljan Jarecki kaj Redaktoro Antoni Pisarski — okazis la unua organiza kunsido de Esperanta Rondo ĉe Pola Turing-Klubo en Varsovio.

S-ro Direktoro Wodzisławski, malferminte la kunvenon, substrekas la gravan rolon, kiun ludas Esperanto por propagando de pola turismo. Li mencias, ke multaj landoj eldonas en Esperanto gvidlibrojn, broŝurojn k. t. p. kaj ke oni devas sin turni al Ministerio de Pola Trafiko, kiu nuntempe pretigas diversajn propagandajn eldonaĵojn, pri aperigo de propaganda turisma broŝuro en Esperanta lingvo. Celo de Esperanta Rondo estos propagandi polan turismon eksterlande kaj plifaciligi al fremduloj ekkonon de Polujo.

S-ro Prezidanto Modzelewski, dankante la ĉeestantojn pro alveno al la kunsido, substrekas, ke Polujo, kiu estas patrujo de Esperanto, devas vigle partopreni ĝian disvastiĝon, des pli, ke Esperanto povas bonege servi al turismo. Multaj Esperantaj eldonaĵoj povas esperi, ke ili havos sukceson. Li estas certa, ke iniciato fondi Esperantan Rondon ĉe P. T. K. renkontiĝos sendube kun granda aprobo kaj malfermos al Esperanto vojon al aliaj turismaj organizaĵoj.

F-ino Weinsteinówna parolas pri internacia interŝanĝado de turistoj (pere de Esperanto) kaj informas, ke Finnlando turnis sin letere aranĝi komunan ekskurson al Stockholmo okaze de la XXVI Internacia Kongreso de Esperanto.

S-ro Prezidanto Modzelewski sekve de tiu ĉi informo mencias pri organizo de la Stockholma ekskurso, kiun partoprenus kongresanoj el sudaj landoj (ekz. Bulgarujo, Hungarujo, Rumanujo, Italujo k. a.) veturontaj al Esperanta Kongreso. Li aldonas ankoraŭ, ke monata revuo „Turysta i auto" („Turisto kaj aŭto"), eldonata en 10.000 ekzempleroj, povas oferi al Esperanto unu paĝon. S-ro Prezidanto Modzelewski atentigas, ke oni devas komenci la propagandon de Esperanto, montrante la signifon de tiu ĉi lingvo por turismo kaj turistoj kaj tiamaniere la lastaj interesiĝos pri Esperanto. Rezulte estos farata propagando de Polujo, kio estas grava por ĉiuj.

S-ro D-ro Róbin dankis la sinjorojn Modzelewski kaj Wodzisławski por favora rilatiĝo al Esperanto kaj konstatis, ke P. T. K. komprenis kiel grandan signifon havas Esperanto por turismo.

S-ro Jarecki proponas aranĝi provlecionon kaj prelegon pri disvolviĝo de Esperanto en la tuta mondo, ĉar multaj homoj tute ne scias, ke Esperanton oni povas apliki en praktika vivo.

Alterne prenas la parolon s-ro vic-starosto Trzópek, priparolante la Internacian Kongreson de Esperanto en Varsovio en la jaro 1937, kiam estos solene festata la 50-jara datreveno de l' naskiĝo de Esperanto. Varsovio devas esti bone preparita por akcepti eksterlandajn gastojn, ĝi devas tiun ĉi momenton bone profiti por propagando de Polujo. Oni devas prepari homojn kaj pretigi multajn propagandajn eldonaĵojn. S-ro starosto opinias, ke estas necese komenci la kurson indiferente al nombro da partoprenontoj. Tia kurso devas esti ekzemplo por aliaj.

S-ro Prezidanto Modzelewski atentigas, ke en decembro k. j. aperos „Informator turystyczny" („Turista informilo"), kiu estos eldonita en 15.000 ekzempleroj. La libro povas enhavi Esperantan parton.

S-ro Strelczyk informas, ke en „Głos Nauczycielski" („Instruista Voĉo") konstante estas publikataj Esperantaj aferoj, kaj ke baldaŭ oni komencos en tiu ĉi revuo Esperantajn lecionojn. La revuo porjunulara „Płomyk" („Flameto") ankaŭ okupiĝas pri Esperanto.

F-ino Weinsteinówna parolas pri turismaj artikoloj en la semajna ĵurnalo „Heroldo de Esperanto".

S-ro prezidanto Modzelewski substrekas la duan fojon, ke P. T. K. estas preta plenumi ĉiujn akceptitajn decidojn.

S-ro Redaktoro Pisarski tuŝis la aferon de artikoloj pri Polujo en Esperanta gazetaro, kiu publikigas ĉiajn nuntempajn problemojn ĉu el politika ĉu el ekonomia vivo de nia lando. Nome estis priparolataj aferoj de Nacia Pruntepreno, projekto de konstitucio-ŝanĝoj, solenaĵoj honore al reĝoj Batory kaj Sobieski k. t. p. Estas grave, ke tradukojn de tiaj artikoloj represas ofte nacilingvaj gazetoj.

S-ro Direktoro Wodzisławski aldonas, ke oni povos en „Turisto kaj Aŭto" presigi la Esperantajn mallongigojn de pli interesaj artikoloj, aperantaj en tiu ĉi revuo, kaj dissendadi ĝin al Esperanta gazetaro.

La Estraro de Esperanta Rondo ĉe P. T. K. formiĝis jene:

Prezidanto D-ro Wilhelm Róbin
Vic-Prezidanto Starosto Mgr. Jan Trzópek
Sekretariino Halina Weinsteinówna
Gazetara referanto Red. Antoni Pisarski.

Krome estas elektita Pedagogia Komisiono, kiun eniris Mgr. Borys Strelczyk kaj Juljan Jarecki.

Esperanta Rondo oficos en ejo de P. T. K. (str. Kredytowa 5) ĉiulunde de 20—22.

La Estraro de Esperanta Rondo ĉe P. T. K. decidis aranĝi la 23-an de novembro k. j. je 20 horo prelegon de Mgr. Strelczyk kaj provlecionon, gvidotan de s-ro J. Jarecki.

La kunsidon oni fermis je 22.15.

Prezidis dum la kunveno D-ro Wilhelm Róbin, protokolis Red. Antoni Pisarski.

**(—) Red. Antoni Pisarski**, Sekretario. **(—) Dr. Wilhelm Róbin**, Prezidanto.

# LINGVA DISKUTO.

**Leganto:** Dum la legado mi turnas la atenton ne nur sur la enhavon de la rakontoj, sed mi atente analizas la lingvan flankon: la vortojn kaj iliajn formojn, la konstruon de l' frazo ks.

**Mi:** Nur tiamaniere vi ekkonos ĝisfunde la lingvon kaj proprigos al vi fluan kaj senriproĉe glatan stilon.

**Leganto:** O jes, mi tiel procedis kun ĉiu lingvo, kiun mi studadis. Dum tia legado naskiĝas ĉiam diversaj demandoj kaj lingvaj problemoj; ĉu vi permesas, ke mi prezentu al vi kelkajn demandojn naskiĝintajn dum la legado de viaj tradukoj?

**Mi:** Tre volonte, mi ŝatas la legantojn, kiuj analizas la stilon, esprimante siajn prilingvajn dubojn. Tiaj stilaj pridiskutoj disvolvas la lingvouzon kaj kreas ofte novajn esprimeblecojn, fleksante nian lingvon kaj vivigante ĝin.

**Leganto:** Vi uzas „morgaŭe" ĉu ne sufiĉas „morgaŭ"?

**Mi:** Estas diferenco inter ĉi tiuj du vortoj: „morgaŭ" signifas: la morgaŭo post la kuranta tago, kiu daŭras dum la parolado; „morgaŭe" signifas: la morgaŭo post la tago, pri kiu temas en la rakonto, la morgaŭan tagon, la sekvintan tagon; „morgaŭ" — jutro, morgaŭe — nazajutrz.

**Leganto:** En la Nr. 6. de Esp. Novelbiblioteko vi skribas: „Tiaokaze ni revenas hejmen" anstataŭ „revenu", ĉar temas pri imperativo.

**Mi:** Certe temas tie pri imperativo en la unua persono. Sed la homa penso ne tenas sin severe je la gramatikaj formoj kaj ĝi esprimas la imperativon per prezenco kiam estas akcentita la nekontestebleco de l' farota ago. Miaopinie estus peko rilate al la vivanteco de nia lingvo, se ni volus tiom rigidigi ĝin koncerne la uzon de tempoj.

**Leganto:** En la Nr. 5 de E. N. estas „kliniĝi malalte". Ĉu ne estas pli bone: „kliniĝi profunde"?

**Mi:** Certe estas „profunda saluto" Rabea esprimo, do klasika. Sed „kliniĝi malalte" estas laŭ mi ankaŭ senriproĉa. Ni vere neniam diras „kliniĝi alte", sed „malalte" estas ja tute nedependa ideo, kiel ĉiuj „maloj". Se mi diras „malmola", mi eĉ ne pensas pri „moleco" kaj traktas la econ de malmolaĵo aparta, nedependa de sia kontraŭaĵo, (tial ekz. „dura" estas tute superflua nedezirinda neologismo). Do, kiel ne ekzistas „malprofunda kliniĝo" tiel same ne devas ekzisti ankaŭ „alta kliniĝo" por ke la esprimo „malalta kliniĝo" estu korekta.

**Leganto:** Vi uzas: „ĝis iĝis" „ĝis ĝi iĝis" ks. ĉu ne estas preferinde „ĝis kiam iĝis" pro belsoneco?

**Mi:** Prave, du „ĝi" apude iom ŝokas la orelon, sed la esprimo „ĝis kiam" en malĉefa frazo ne estas Zamenhofaĵo, tial mi ĝin zorge evitas kaj malkonsilas ĝian uzon. En la unua traduko mi ĝin bedaŭrinde uzis kelkfoje.

**Leganto:** En la Nr. 1. de E. N. ni legas: „kiu daŭris ĉirkaŭ du sinsekvaj horoj" ŝajne nominativo anst. akuzativo, ĉu ne?

**Mi:** Nepre ne. La nominativo sekvas ĉi tie post la prepozicio „ĉirkaŭ" (regulo 8.) kaj ne estas dependa de l' verbo „daŭri". **Leono Vienano.**

(Daŭrigota).

 

# TEATRO KAJ FILMO



## PRI FILMOJ, KIUJ PASIS.

En nunaj tempoj de diversaj noviĝoj kaj novaj konceptoj, kiuj ofte ne plenumas postulojn la vasta kineja publiko, en la epoko de eksperimentoj, kiam oni eksentas la mankon de vere bona filmo, efektive bone estus menci, pri kelkaj filmoj, kiuj antaŭe elektrizis rigardanton per sia plena valoreco. Do, en tiu ĉi momento alŝoviĝas aktuala problemo: ĉu iuj bonaj pasintaj filmbildoj, ne devus esti revenigitaj sur kinekranon, post iu tempinterrompo.

Ekzistas tamen opinio de multaj, ke filmoj rapide malaktualiĝas, kaj tre ofte oni citas diversajn kaŭzojn.

Tamen ni ne forgesu, — kvankam la supre citita opinio ne restas sen iu racio — ke filmoj vere bonaj, posedas certajn valorojn, kiuj ne malnoviĝas.

Valoroj tiaj estus jenaj: altspiritaj sentoj, oferdonaj agoj, fiksado kaj konservo de certaj altvaloraj pensoj, ne silentiĝanta pacifisma problemo, emi-

nenta kaj bonega ludo de filmaktoro, belaj kaj kuriozaj pejzaĝoj, altvalora kantista voco k. t. p., k. t. p.

Ni vidis multajn, similajn filmojn kaj tre volonte revidus ilin ankoraŭ foje precipe, kiam la enhavo de l' filmo kaj bildoj, iomete jam forviŝiĝis en nia menso kaj la agrabla impreso ankoraŭ postrestis.

Do ni ekvidus volonte la famajn filmojn de „reĝo de tenoroj" de Jan Kiepura, de mistera Marlena Dietrich, la filmojn de ĉarma paro Jeanet Gaynor kaj Charles Farell, de „diina" Greta Garbo, de flugetema Liljan Harvey, Charlie Chaplin, Janings kaj de multaj, multaj aliaj.

La problemo de renoviĝo de malnovaj filmoj, estas nuntempe treege aktuala, ĉar ne malofte, la kineja publiko estas kondamnita je rigardo de filmaj mezvalorajoj kaj, ke malgraŭ tio, oni vizitas la kinejon, tion oni devas meti je konto de alkutimiĝo kaj de tio, ke tre ofte por plimulto la filmprezentado, estas eĉ unika plezuro. **Irena Traumówna.**

## EL TEATRA MONDO.

**Nova teatraĵo de Jerzy Tepa.** Jerzy Tepa, aŭtoro de fama teatraĵo „Fräulein Doktor" finis sian duan teatraĵon s. t. „Ivar Kreüger", kiun la unuan fojon prezentos lvova teatro.

**„Afero de Monika" en New York.** Fama teatraĵo de Maria Morozowicz Szczepkowska s. t. „Afero de Monika" estas prezentata nun en New York. Preparis ĝin unu el plej bonaj reĝisoroj Dymitr Ostrow. La prezentado atingis grandan sukceson. Ankaŭ la dua teatraĵo de Morozowicz Szczepkowska s. t. „Silentanta forto", kiun ludas nun varŝava „Reduta", estos en plej proksima tempo prezentata en New York.

# DISTRAĴOJ

## DUA ENIGMOKONKURSO.

Partopreni nian konkurson povas ĉiu, kiu atingos minimume 12 punktojn.
La enigmokonkurso finiĝos en venonta numero.
Kiel premiojn ni destinis 3 Esperantajn librojn.

## ENIGMO NRO 5.

(Komponis Ed. Lin).

| | | |
|---|---|---|
| S-ro Ĝenet | Sir Okoma | F. Fatilo Paris |

Kian profesion havas tiuj sinjoroj?
Pro solvo de tiu ĉi enigmo ni alkalkulas 3 punktojn.

## ENIGMO NRO 6.

(Komponis Ed. Lin).

1. Plej grava organo de homa korpo + posteulo + metalo = alie vestiblo
2. Interpunkcio + poeziaĵo = meblo
3. Parto de homa korpo + metalo + afikso = rivero en Afriko.

Ĉiuj substantivoj estas apostrofitaj. Pro solvo de tiuj ĉi 3 kunmetaĵoj ni alkalkulas 2 punktojn.

Solvojn de tiuj enigmoj oni povas sendi ĝis 20. XII. 1933.

En enigmo nro 3 enŝtelis sin preseraro. Devas nome esti: Signifo de la vortoj: 3. Nomo de eksterlanda mono. — Tial solvojn de tiu enigmo oni povas alsendi kune kun solvoj de ĉi-numeraj enigmoj ĝis 20-a de decembro.

## BONA FIANĈO.

Johano enirante, rimarkas sian fianĉinon ploranta.
— Kio al vi okazis, karulino?

— Pripensu nur: tiu malbona kato formanĝis kukon, kiun mi bakis por vi.
— Nu, ne gravas. Morgaŭ mi aĉetos al vi novan katon.

**SEN INTENCO.**

P r o f e s o r o (ĉe antaŭekzameno): Vi scias, ke la puna kodo al edzo ne permesas havi pli ol unu edzinon. Kiel oni nomas tion? Nu... mon... mono:::

K a n d i d a t o : Monotona!

(„La Lernanto")

# POLLANDA KRONIKO.

**KATOWICE.** La Societo de Esperanto-Amikoj aranĝos la 9-an de decembro je la 8-a horo vespere en la salonego de „Hospic" sian 10 jaran datrevenon, kunligita kun la D-ro Zamenhof-memorfesto. La gesamideanoj el Katowice kaj ties ĉirkaŭaĵo estas al tiu festo kore invitataj. Riĉenhava programo, bona muziko. Enirprezo: 50 groŝoj.

**LWÓW.** En kadro de la „Esp. semajno" oni arangis ekspozicion en la Instituto Teknologia — montrante afiŝojn, librojn, gazetojn, ekzotikajn objektojn. En la gimnazioj okazis provaj lecionoj kaj prelegoj. Ilin plej lerte plenumis la fervoraj g-eanoj Fruchtówna, Kleinowa, Scharfówna, Herr. — Ankaŭ flugfolioj estis disdonataj. Oni aranĝis prelegvesperon de Lena Fruchtówna kaj Minuŝka Mantel, kiuj prelegis el propraj manuskriptoj.

**POZNAŃ.** Antaŭ la Esperanto-semajno kaj dum ĝi aperadis mallongaj artikoletoj, sciigoj kaj raportoj en la loka gazetaro („Nowy Kurjer" Nr. 238, „Przegląd Codzienny" Nr. 194, 197, „Posener Tageblat" Nr. 237; „Dziennik Poznański" Nr. 241; „Express Ilustrowany" Nr. 291). Trifoje t. e. la 15-an, 22-an kaj 23-an de oktobro aperadis en komunikoj de loka „Pola Agentejo Telegrafa" (P. A. T.) mallongaj raportoj pri „esp. semajno" en Poznań, kiuj estis dissendataj al ĉiuj gazetoj.

Ja 15-an je la 11 h. antaŭtagmeze okazis „akademio" en la ejo de la fervojistoj ĉe la strato Stroma 24. Ĉeestis 84 personoj. — Dum la „akademio" kaj post ĝi estis montrataj kaj klarigataj esperantaj libroj, gazetoj, fotografaĵoj, insignoj, sigelmarkoj kaj aliaj esperantaĵoj. — La „akademio" daŭris 2 horojn kaj estis precipe okupita per la bela kaj vasta prelego de sinj. Ostrowski „pri Esperanto". — Dum la „akademio" oni subskribis la subskribfoliojn de „esp. plebiscito" kaj aliĝis al la III. esp. kurso kiu estas aranĝota en W. S. H. en la unuaj tagoj de la novembro per sinj prof. Nowakowski, prof. Ułaszyn, kaj prof. Olszewski. — La lunda kunveno estis dediĉata precipe al la prelego de dr. Śluzar sub titolo „esperanta movado en Poznań", ilustrita per kvar diagramoj.

El la ciferoj de tiuj diagramoj estu menciitaj: 901 ĉeestintoj en la kunvenoj de la „klubo" de la 22 V. 1932 ĝis nun, 887 da ĉeestantoj dum aranĝoj de la „klubo" kiel prelego de sinj. Kola Ajayi, publika prelego de sinj. Gomuliński, II. esperanta kurso gvidita de s-roj Ostrowski inter la 15-a de februaro kaj la majo de 1933, „esperanta semajno" k. t. p., la kreskado de la biblioteko de la klubo, kiu en mezo de la decembro 1932 konsistis el 18 libroj ĝis la nombro 77 libroj, kiuj ĉiuj krom la 14 estas oferdonitaj de s-roj prof. Olszowski kaj el la restintaj 14, 8 estas oferdonitaj de s-oj Bronisław Kuhl, 2 de s-oj Wysocki kaj 4 estas aĉetitaj de la „klubo"; la movado en la biblioteko, kiu en la lasta tempo atingis la ciferon 601 de tralegitaj libroj.

El tiuj ciferoj rezultas, ke la laboro de la esperantistoj en Poznań estis ĝis nun turnita precipe internen de la klubo kaj nun turnas sin jam eksteren de la klubo. El tiuj eksteraj aranĝoj de la klubo estu menciita la kuna kunveno kun la restintaj membroj de la iama „Pola Esperanto Asocio", kiu okazis la 17-an de majo 1933 kaj penis revivigi la „Asocion". Tiun celon oni atingis en la grado kaj la rilatoj inter la „klubo" kaj la „Asocio" estas tre bonaj. La membroj de klubo partoprenis en kelkaj kunvenoj de la „Asocio", kiujn ĝi ĝis nun aranĝis.

Marde okazis la prelego de sinj. juĝisto Adamski: „Esperanto kiel lingvo". La partoprenantoj ricevadis la propagandan broŝuron: „I-a esperanta semajno"

Merkrede, ĵaŭde, vendrede kaj sabate okazis pluaj kunvenoj dediĉitaj al mallongaj prelegoj, recitadoj, deklamoj, kanto, ludo, diskutado kaj raporto pri „esp semajno". Generale en „esp. semajno" partoprenis 19% de esperantistoj kaj 81% de neesperantistoj. Ĝi estis la prova mobilizo de la esperantistaj fortoj en Poznań, la provo de la solidara laboro kun ĉiuj esperantistoj en Polujo.

La esperanta kurso en la Supera komerca lernejo (W. S. H.) en Poznań projektita jam antaŭ kelkaj jaroj fine estas efektivigita dank' al la energia iniciato de sinj. prof. Nowakowski, sinj. prof. Poretiatkowicz, direktoro de W. S. H. kaj sinj. prof. Ułaszyn. La kurso estis solene malfermata la 4-an de la novembro 1933 je la 19-a horo vespere en la granda salono de W. S. H. antaŭ multnombre amasigita ĉeestantaro. La inaŭguran prelegon „pri lingvo internacia" havis sinj. prof. Ułaszyn. La prelego daŭris 1½ da horo kaj estis rekompencata per viglaj aplaŭdoj de la ĉeestantaro, kiu atestis ne nur pri la populareco de la preleganto, sed ankaŭ pri la ekinteresiĝo de la ĉeestantaro pri la priparolita temo... Sendube la aranĝoj de „Poznana klubo de la Esperantistoj" kaj precipe „esp. semajno", preparis la publikon por „esp. kurso". Al la „kurso" aliĝis ĝis nun preskaŭ 80 personoj... La kurso estas senpaga por la studentoj de W. S. H. kaj membroj de la „klubo", La studentoj de W. S. H. estis ne multaj en la unua leciono, ĉar ili havis libertempon la 4-an de novembro. La kurson gvidas krom sinj. prof. Ułaszyn, sinj. prof. Nowakowski, sinj. prof. Olszowski kaj dr. Śluzar.

**RADOM.** Radomaj Esperantistoj en kuranta aŭtuno aranĝis du esperantajn kursojn. La kurson gvidas s-ro Duljas Józef, partoprenas ĉirkaŭ 30 personoj, alia kurso estas aranĝita ĉe armilfabriko nur por ĝiaj laboristoj, la kurson gvidas s-ro Felter Jan, partoprenas 20 personoj. — La gvidanto de la kurso, s-ro Duljas en proksima tempo fondos esperantan rondon, kiu konsistos el lernantoj de esperanto kaj malnovaj esperantistoj.

## GAZETOJ PRI ESPERANTO.

En ĉi rubriko ni mencias senditajn al ni polajn gazetojn, kiuj enhavas artikolojn pri Esperanto.

**Ilustrowany Kurjer Codzienny 14. XI.** Traduko de artikolo s. t. „La eĥoj" de f-ino Lidja Zamenhof el „Pola Esperantisto".

**Światowid** Nro 46. Fotografaĵo el esperantista Akademio okaze de „I. Esperanta Semajno" en Kraków.

**Hasło, Tygodnik Żydowski,** semajna gazeto en Tarnów enhavas en ĉiu numero rubrikon s. t. „El esperantista movado" redaktatan de f-ino Irena Traŭmówna.

**Przegląd Filmowy, Teatralny, Radjowy** Nro 237. Recenzo el la revuo s. t. „Plej gravas humoro" okaze de „I. Esperanta Semajno" en Kraków.

---

# NOVAĴOJ EL ESPERANTUJO

---

**AŬSTRIO. Radio-dissendoj.** Ĉiusemajne Radio-stacio Wien (517,2 m), merkrede, je 21.45 dissendas esperantistajn prelegojn.

**Internacia konferenco pri Esperanto.** En venonta jaro (1934) okazos en Wien kaj Budapest oficiala konferenco por enkonduko de esperanto en lernejojn kaj komercon. Tiu-ĉi konferenco povas esti sendube unu el plej gravaj okazintaĵoj en Esperantujo.

**27-a Universala Kongreso en Aŭstrio?** La aŭstriaj esperantistoj ekdecidis inviti dum la Stockholma kongreso la 27-an Universalan Kongreson de Esperanto al Salzburg aŭ Innsbruck.

**ĈEĤOSLOVAKUJO. Esperanto dum oficiala Kongreso.** Laste okazis en Brno Internacia Kongreso por Seksaj Reformoj. Prezidis tiun Kongreson samideano Dro Leunbach, kiu ankaŭ prelegis esperantlingve. Tiamaniere li bonege pruvis la bezonon kaj utilecon de Esperanto.

**ESTONIO. Esperanta paĝo en semajna ĵurnalo.** Ek de mallonga tempo semajna ĵurnalo „Noot" en ĉiu numero dediĉas tutan paĝon al artikoloj pri kaj en Esperanto.

**FINLANDO. Esperanto-kurso en Radio.** Dum voĉdonado pri la radioprogramo 2.000 personoj postulis instruadon de Esperanto. Sekve la finlandaj stacioj disaŭdigos kurson komence de januaro 1934.

**FRANCUJO. Klubo de Esperanto-Amikoj en Parlamento.** Grupo de francaj parlamentanoj fondis klubon de Esperanto-Amikoj. Ĝis nun aliĝis 41 deputitoj.

**HISPANUJO.** La konata Esperanto - gazeto: „Espero Katolika" komencis per sia oktobra numero tridekjaran ekziston. Pro tiu kaŭzo ni sendas je manoj de ĝia redaktoro estiminda pastro J. Font Giralt (Collell, prov. de Gerona) niajn plej sincerajn bondezirojn. Ĝi floru kaj diskoniĝu, semante inter ĉiuj homoj varmajn sentojn de vere kristana amo kaj kulturiĝu Dian pacon sur la tero. Estimata Redaktoro, benu vin Dio kaj permesu kolekti en via laboro abundan rikolton.

**X. Hispana Kongreso.** En Santander okazis X. Hispana Kongreso de Esperanto en tagoj 20—24 aŭgusto.

**JUGOSLAVUJO. Malsano de Kola Ajayi.** Dum sia sukcesplena vojaĝo tra Jugoslavio nia negra samideano, s-ro Kola Ajayi, malsaniĝis en Sarajevo. Pro tio la tempo de lia plua vojaĝo estas ankoraŭ nefiksebla.

**RUMANUJO.** La aperanta en Constantia jurnalo „Presa" enpresis en 252 n-ro artikolon s. t. La verda semajno en Polujo, verkitan de samideano D. N. Mincev. Estas nia varma deziro, ke la artikolo malfermu longan vicon de similaj, por progresigi Esperanton en tiu lando kaj konatigi ĝin per tio alilande. Estas vere mirige, ke la lando, kiu posedas tiel eminentajn Esp.-istojn kiel s-ro Morariu, Pragano kaj kelkaj aliaj, posedas tiom malfortan Esp.-movadon. Ĉu oni ne sentas sian propran profiton? Bonvolu tion pripensi!

**SOVETUNIO. Nova libro por blinduloj.** Jus oni eldonis por sovetaj blinduloj esperantistan libron laŭ Braille-sistemo.

## SPORTO KAJ TURISMO

### HOLANDO

### LA LANDO DE FLOROJ, BELECO KAJ BONSTATO.

**Impresoj de vojaĝo dum mia libertempo. Esperanto vivis sur la ŝipo Polonia.**

(Propra korespondaĵo)

Tutan jaron ni laboras en sufoka urbo, sopiras libertempon per povi migri, vojaĝi kaj vidi la belan, vastan mondon.

Longtempe mi sopiris la forveturon, la maron. Ĝis venis la atendita tempo. En Gdynia ni suriras la ŝipon „Polonia", ĉe uflanke regas entuziasmo, la muziko akompanas la ĝojon de la koroj. Ni forveturas en longan vojon, en malfermitan, vastan mondon. Sur la Baltika maro ĉie estas konata la pola flago kaj la bela ŝipo „Polonia", kiu tiufoje amasigis 536 pasaĝerojn, 247 oficirojn kaj ŝipanaron. „Polonia" estas grandega konstruaĵo je volumeno de 15.000 tunoj, la maŝinoj posedas forton de 5.500 ĉ. p.

Sur „Polonia" troviĝas poŝt- kaj telegraf -oficejo, fotografisto, barbiro, bank-oficejo, agentejo de P. K. O., restoracioj ktp.

Ĉe radio-aŭdiglo kaj orkestro oni ofte dancas kaj manĝas bongustajn lunĉojn kaj tagmanĝojn.

Valoras aldoni, ke laŭ mia propono en la programo de la orkestro estas aldonitaj: la esperanta Himno „Espero" kaj aliaj kantoj esperantaj honore al multaj geesperantistoj el Kraków, Sosnowiec, Varŝavo ktp., kiuj kun ni veturis.

Sur „Polonia" aperas konstante mar-gazeto, redaktata de simpatia s-o Ziółkowski, kiu tiufoje enpresigis mian artikolon s. t. „Esperanto kunigas la tutmondan turistaron". Sur la ŝipo Esperanto estis energie propagandata kaj la sukceso estis granda; ĉiuj parolis kaj diskutis pri la valoroj de Esperanto.

Por komforto de la pasaĝeroj estas aranĝita baseno, plaĝo, banejo kaj aliaj utilaj aranĝoj, kiujn la kapitano, s-o Stankiewicz ne ŝparas por plezurigi la tempon de siaj pasaĝeroj. Ni sentis nin sur „Polonia" bonege, profitis de la aero, suno, bano, havis multe da humoro kaj ĝojo.

Ni albordiĝis al Holando, kaj vizitis Amsterdam, estante ravitaj de la malnova kulturo de holanda popolo. Amsterdam vere apartenas al la plej interesaj urboj en Eŭropo. Kvankam ĝi estas ĉefurbo, ĝi ne estas tamen la reĝa

rezidejo, ĉar la reĝino Vilhelmino konstante loĝas en Haag. En Holando troviĝas ĉ. 9 milionoj da loĝantoj, kaj en Amsterdam ĉ. 800.000.

Bonstato ĉiam ankoraŭ regas en tiu feliĉa lando, kiu riĉiĝis per siaj kolonioj. Holando importas teks-varojn kaj konfekcion de diversaj landoj i. a. de Polujo (ĉefe de Łódź kaj Brzeziny) ĝia eksporto baziĝas sur kafo, butero, ovoj, floroj, fiŝoj ktp.

Speciale interesa estas la kvartalo de la diamanto-poluristoj; ĝis nelonge funkciis tie 24 polurejoj okupantaj 78000 laboristojn. Lastatempe pro la monda krizo tiu industrio malpligrandiĝis. La riĉaj holandaj kolonioj en Azio prezentas grandan vendomerkaton kaj samtempe liveras krudaĵojn. Fruktoj estas en Holando tre malkaraj, tamen la land-produktaĵoj kaj varoj laŭ valuta proporcio estas tro karaj.

Amsterdam posedas olimpian stadionon por 35.000 personoj. La urbo impresas kvazaŭ Venecio, ĉar ĝi estas kvazaŭ distranĉita per sistemo de grandaj kaj malgrandaj kanaloj. Ne malpli ol 2990 (??! Red.) pontoj troviĝas en tiu urbo. La konstruaĵoj estas de aparte holanda stilo.

En la multnombraj, malvastaj stratoj la trafiko estas nur por piedirantoj. Sur la trotuaroj ambaŭflanke de la stratoj oni povas iri nur en unu direkto. Ordo en Holando estas ideala. La aŭtotaksioj kaj strat-fervojoj estas tre malkaraj (laŭ nia mono ĝi kostas 18 gr. por klm.) Troviĝas tie multaj elegantaj restoracioj, luksaj kinejoj kaj kafejoj. En la urbo-centro troviĝas kafejoj preskaŭ en ĉiu domo, kaj tamen ne mankas la gastoj.

Ni vizitis en Amsterdam la Rijksmuseum, la galerion de bildoj enhavantan la plej famajn verkojn en la mondo: iamajn kaj nuntempajn. Mem la kuprogravura fako entenas 40.000 eksponaĵojn. Ni vizitis la Kolonian muzeon kaj instituton: tie troviĝas objektoj de komerco de Holanda Hindujo kaj okcidentaj insuloj.

De tie ni veturis per aŭtomobilo tra Haarlem, Benenbruck, Hilchorn, Lisse Sassenheim, Oestagort, Den Deyl, Wassensar. Ĝis Haag la tuta vojo estas kovrita per floroj.

En Haago, la reĝa rezidejo kaj sidejo de plej altaj land-oficejoj koncentriĝas la diplomatia kaj societa vivo de Holando.

La vastaj stratoj kaj ĝardenoj donas al la urbo ĝojan kaj vivigan karakteron, kaj granda nombro da malnovaj monumentoj kaj konstruaĵoj, kun la rapide kreskantaj modernaj kvartaloj donas bildon de aktiva, vigla vivcentro.

La fama Pac-palaco, reĝa bildo-galerio, art-ekspozicioj, ktp. elvokas miron ĉe la vizitanto.

De tie ni veturis al la famaj, luksaj ban- kaj kurac-lokoj Scheveningen kaj Zandvoort (Norderband).

Karakteriza eco de Holando estas la bicikloj sur la stratoj; dekmiloj da bicikloj. Maljunulo, junulo, riĉulo, malriĉulo, ĉiu veturas per biciklo. Al la vendejo por aĉeti, al la lernejo ktp. ĉiuloke, sub la muro, en la korto, ie ajn sur libera loko staras senprotekte biciklo, kaj neniu ĝin tuŝas aŭ forŝtelos.

La kultura kaj morala Holando evidentiĝis en tiu kazo absolute.

Kun vera bedaŭro ni adiaŭis tiun belan, kulturan landon, forportante por la tuta vivo la plej agrablajn memorojn.

La „Polonia" pluen veturas por venigi nin al Londono.

**OSKAR BERMAN.**

---

# RECENZOJ.

---

**Dante Alighieri: Komedio. Unua parto: Infero.** Laŭ la originala itala teksto kaj formo, en rimaj versoj tradukis kaj per specialaj klarigoj komentariis Kolomano Kalocsay. Eldonis Literatura Mondo kaj Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj Budapest. Sur senligna papero, dukolora kovrilpaĝo, kun 15 originalaj ilustraĵoj de Dezsö Fáy kune 320 paĝoj. Formato 23.5 x 15.5. Prezo broŝurita sv. fr. 8.80, bindita sv. fr. 11. — plus 10% por sendkostoj. Anoj de AELA ricevas la libron por 40% de la vendoprezo.

La antaŭanoncata ek de kelka tempo grandioza ĉefverko de l' itala poeto aperis en Esperanto-traduko de l' hungara verkisto. Jam tiu fakto mem estas rimarkinda. Kaj se oni legas la tradukon, oni ne scias, kion admiri, ĉu la ling-

von, kiu estas tiom riĉega, ĉu la artiston, kiu ĝin tiel majstre regas. En antaŭparolo li diras: „La traduko de la Komedio, en la originala versformo, postulas tiajn fortostreĉojn, ke ĝi ofte ŝajnas tute ne plenumebla. Mi konfesas, ke la inkuba sento pri ĝia neebleco ofte kaj ĉiam denove, kaj ĝis la lasta kanto de l' Infero vekiĝis en mi, vere, eĉ antaŭ la lasta kanto mi dubis, ke mi povos ĝin fini. La koncizo, mirinda esprimforto, vortabundo kaj kolorriĉo de l' dantea lingvo, la aparta graveco kaj beleco de ĉiu vorto kaj vortlokiĝo, la ĉiam d e v i g a fideleco (ĉar ja preskaŭ ĉiu verso havas apartan, eĉ tutan literaturon) vere povas malesperigi la tradukanton. Kaj al ĉio ĉi venas ankoraŭ la versformo: la tercino, por kiu ofte ŝajnas tute neeble trovi la malbenitan t r i an rimon, la sorĉista implikiteco de la rimoj, kiuj prezentas kvazaŭ senfinan trikaĵon: ŝiri ĝin unuloke, signifas malvolvi la tuton". Sed halt'! La antaŭparolo estas bonega kritiko de la traduko. Volonte mi ĝin represus en plena amplekso. Mankas la loko... Do almenaŭ kelkajn vortojn. „Kaj Esperanto pruviĝis mirinda instrumento. Eĉ, iel speciale taŭga por la interpreto de Dante, eble ĉar ĝi estas same nerigidiĝita ankoraŭ per tradicioj, same n o v a lingvo, kiel la lingvo de s i, per kiu Dante kantis".

La traduko pensigas pri neologismoj. Kiuj pravas? Ĉu la fanatikaj Fundamentuloj, ĉu la neologismemaj aŭtoroj, kiuj preferas precize elvortiĝi, ol esti komprenataj de ĉiuj. Cu ekzistas speciala lingvo literatura kaj tiu ĉiutaga, kutima? Legu la pravan rezolucion de la japanaj samideanoj! Mi pensas pri verkoj ekzemple de niaj poetoj Krasiński kaj Norwid. Ĉu ilin ĉiu komprenos? Certe ne! Kaj kiu neus ilian grandecon? Kiom aliaj ili ambaŭ estas ol ekz. Mickiewicz, komprenebla eĉ por simpluloj? Mickiewicz, plej granda nia poeto.

Oni ne povas kateni, devigi sian fantazion, ke ĝi esprimiĝu nur per konataj al ni vortoj, se ili ne reprezentas la veran enhavon de nia penso; oni ne povas ankaŭ facilanime „pliriĉigadi" la lingvon per enkonduko de novaj vortoj. La ora regulo de „sufiĉo kaj neceso" ankaŭ ĉi tie estas nepre aplikota.

En la verko ne temas nur pri novaj vortoj, cetere zorge klarigitaj en piednotoj kaj en laŭalfabeta listo. Ankaŭ novajn gramatikajn formojn oni renkontas. Ekz. sur paĝo 132, verso 46 tekstas: „**Havunte** ŝirmon kontraŭ incendio", do: adverba participo de kondiĉa modo. Nur bone konante la lingvon, oni povas tion imagi...

Terure! Mi nur komencis skribi la recenzon kaj jam tiom da linioj ĝi ampleksas. Koncize mi diros mian opinion.

La traduko estas bonega. La stilo sukplena, kolorriĉa, grandioze imitas la italan originalon. Ĝuos la verkon ĉiuj bonaj konantoj de la lingvo kaj veraj amantoj de bela literaturo, kiuj scias legi ankaŭ malfacilajn ĉefverkojn. Al nia Esperanto-libraro venis nova akiraĵo, juvelo... **T. H.**

**Julio Baghy: VERDAJ DONKIHOTOJ.** Budapest 1933. Eldono de Aleksandro Szalay, Budapest, VIII, Tavaszmezö-utca 1. 221 paĝoj. Prezo ne montrita.

La tre simpatia aŭtoro rakontas sur 174 paĝoj fragmenton el vivo de Paŭlo Paal, kiu havis bonŝancon laŭiĝi el kutima terboranto — ulo je altaj sopiroj, laboranto por ideo. Ĉe legado oni havas impreson, ke la okazintaĵo ne estas pura fantazio, sed ĝi baziĝas sur ia konkreta fakto. — Specialan atenton meritas la alia parto de l' verko, prezentanta sur restantaj paĝoj karikaturojn de la „rondo familia". Bonegaj!! Ili majstre fotografas la vivon. La unua el ili s. t. „La movado" estas vere majstroverko. La aŭtoro treege trafe kaptis la vivon „in flagranti". Ni volonte ĝin represus en P. E. Cetere aperigis ĝin jam la lasta n-ro de „Esperanto". Ĉiuj ekkonu la karikaturojn kaj evitu esti unu el tiuj priskribitaj „viktimoj". **T. H.**

Tre interesa estas la novembra n-ro 1933 de **Interligilo de l' P. T. T.,** dediĉita al Estonujo kaj Latvujo. Ĝian valoran enhavon, sur bona papero, ilustritan per multaj kliŝoj, konsistigas jenaj artikoloj: Estiĝo de la Estona republiko, Estona P. T. T., P. T. T. — ista faka organizaĵo en Estonio, Iom pri stato de estonaj P. T. T.-istoj. Ĉefa poŝt- telegraf- telefonejo en Tallinn, Estiĝo de estonaj poŝtaj stampiloj kaj poŝtmarkoj, Esperanto ĉe P. T. T.-istoj en Estonio, 15-jara datreveno de P. T. T. en Latvio, Organizaĵoj de l' materiala stato de latvaj P. T. T.-istoj en Latvio. — Inter multaj kunaŭtoroj de l' gazeto precipiĝas s-ro Joh. Vahtkerl, tre vigla estona esperantisto, konata al mi persone de post la kongreso en Budapest. Koran gratulon al ambaŭlandaj samideanoj-poŝtistoj. **T. H.**

**Alois Schneider — Magda Carlsson: Barbro kaj Eriko:** Eldonis: Eldona Societo Esperanto Stockholm 1. 40 pĝ. Prezo: sved. kr. 0.60. La libro prezentas

al ni korespondadon inter du junaj geesperantistoj, aŭstro kaj svedino. Libro bele ilustrita, donas per sia bela enhavo plenan kontentigon al la leganto. La leteran rimaneton oni tralegas „unuspire".

**Kantas la hungara skolto,** 40-paĝan libreton, plenan de notoj kun hungara kaj esperanta tekstoj eldonis Esp.-studrondo de Hungara Skolta Asocio por memoro de la Jamboreo 1933 en Gödöllö. La temperamentplenaj kantoj ravas eĉ maljunulon. **LoKo.**

---

Konsiderinte la gravecon de Nacia Pruntepreno, la Estraro de Pola Studenta Esperantista Societo—Warszawa sekve de propono de s-anino Halina Weinsteinówna decidis dum la kunveno, okazinta la 30. IX. 1933, aĉeti unu obligacion por zł. 50. — Oni efektivigis tion la 5. X. 1933 pere de Varsovia Diskonta Banko.

Simile: „Pola Esperantisto" kaj „Pollanda Esperanto-Instituto" aĉetis du obligaciojn de la prunto po 100 zł.

---

## DE LA REDAKCIO.

Ni sendas al niaj abonantoj, legantoj kaj amikoj plej sincerajn bondezirojn okaze de la Kristnasko kaj la Nova 1934 Jaro. Ke ĝi estu por ĉiuj pli bona ol estis la antaŭa.

**La Redakcio kaj Administracio de P. E.**

Ni memorigas, ke la 15-an de decembro ni solenas „Feston de la libro". Devo de ĉiu konscia esperantisto estas aĉeti tiam almenaŭ unu Esperanto - libron por progresigi tiel nian literaturon. Riĉe provizita librejo fako de Pola Esperantisto estas por via dispono.

Refoje ni konatigas radio-programon en polaj radiostacioj. Estas vere tre bedaŭrinda afero, ke polaj samideanoj ne komprenas sian devon instigi la radiodirekcion per multaj dankskriboj al daŭra favorado de nia lingvo.

**13 decembro.** Prof. Dr. J. Reiss: **Fryderyk Chopin.**

**27 decembro.** Z. Sobołta: **Memhelpo de blinduloj en Polujo.**

La unua prelego estos disaŭdigita el Kraków kaj Warszawa, la alia el Lwów kaj Warszawa. La sendotempo de la prelegoj iomete plifruiĝis. Ili komenciĝas nun precize je 22 h.

La plej proksima numero de P. E. aperos la 1-an de januaro. Materialon bv. sendi ĝis la 20-a de dec.

---

**ĈU VI JAM FINPAGIS LA ABONON POR J. 1933?**
**SE NE**
**PAGU TUJ JE NIA KONTO P. K. O. 406.660.**
**RENOVIGU LA ABONON POR JARO 1934!**
**Abonu mem kaj varbu novajn abonantojn por la sola esperanta gazeto en Pollando!**

---

PRZEDSTAWICIELE — REPREZENTANTOJ:
Białystok — Esperanta Societo Zamenhofa, Polna 4.
Katowice — Societo de Esperanto Amikoj, Wawelska 3.
Paryż — S. Grenkamp, 147. Bd. Jourdan.
Warszawa — Halina Weinstein, Leszno 99. m. 5. Konto P. K. O. 27,867.

PRENUMERATA: rocznie zł. 8.—, półrocznie zł. 4.— Dla Towarzystw i grup espor. (przy przesyłce najmniej 5 egz. pod jednym adresem) prenumerata roczna zł. 6.— Zagranicą: 5 fr. szw. Numer pojedynczy zł. 0.70. podwójny zł. 1.40.

ABONO: jare zł. 8.—, duonjare zł. 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj (ĉe sendo de minimume 5 ekz. al unu adreso) jarabono zł. 6. — Eksterlande 5 sv. fr. Aparta numero zł. 0.70. duobla zł. 1.40.

OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł. 30.— 1/4 strony zł. 15.— 1/8 strony zł. 10.— Korespondencja: małe ogłosz. z 10 słów (prócz adresu) zł. 1.—

ANONCOJ 1/2 paĝo zł. 30.— 1/4 paĝo zł. 15.— 1/8 paĝo zł. 10.— Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł. 1.—

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKOW, LUBICZ 34. KONTO P. K. O. NR. 406.660

Redaktor odpowiedzialny Juljusz Kriss. Drukarnia L. Gronusia i Ski, Kraków, ul. Stolarska 6.

**KUPONO N-RO 3**
**POR**
**II ENIGMOKONKURSO.**